Ia jaro. 7a numero.




# BELGA ESPERANTISTO

## Monata Revuo

REDAKTATA DE

Léon CHAMPY, Fr. SCHOOFS,
Jer. VAN LAERE,
VAN DER BIEST-ANDELHOF,
kaj Oscar VAN SCHOOR

kun la kunlaborado de multaj aliaj belgaj kaj eksterlandaj esperantistoj.

MAJO 1909

*ENHAVO :*



*UNU NUMERO : Fr. 0.40 = 16 sd.*

ANTVERPENO
(Antwerpen — Anvers)
Eldonanto : FR SCHOOFS, 49, Kleine Beerstraat (Rue de la Pte Ourse).

# Belga Ligo Esperantista

## ĈIUJARA KOTIZAĴO:

(JAARLIJKSCHE BIJDRAGE — COTISATION ANNUELLE):

Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires . . . . . . . . . . Fr. 1.00
Protektantaj membroj (Beschermende leden. — Membres protecteurs) . . . . . . Fr, 10.00
Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners. — Membres bienfaiteurs) . - , . . . . Fr. 25.00

## Honora Komitato:

Sroj F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
Dro V. DESGUIN, Skabeno de la Publika Instruado, Antverpeno.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antverpeno.
Dro GASTER, Direktoro de la Germana Lernejo, Antverpeno.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Frato IZIDORO, profesoro ĉe la Reĝa Instituto de Surdmutuloj kaj de Blinduloj, Woluwe-Bruselo.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
Generalo LEMAN, Komandanto de la Militista Lernejo Bruselo.
MOURLON, Direktoro de la Geologia Oficejo, Bruselo.
O. ORBAN, profesoro ĉe la Universitato Lieĝo.
ERNEST SOLVAY, senatano, Bruselo.

# AGADA KOMITATO:

Prezidanto : S^ro^ Van der Biest-Andelhof, 26, Arendstraat (Rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers).
Vice-Prezidantoj : S^ro^ A.-J. Witteryck kaj S^ro^ Abato Richardson.
Ĝenerala Sekretario : S^ro^ L. Champy, 21, Lange Herenthalsstraat (Longue Rue d'Herenthals), Antwerpen-Anvers.
Kasisto : S^ro^ Osc. Van Schoor, 20, Vondelstr., (Rue Vondel) id.

## Membroj elektitaj de la Ĝenerala Kunveno :

S^roj^ L. Champy, (Antverpeno), Komandanto Duverdyn (Bruĝo), Abato Richardson (Bruselo), Fr. Swagers, D^ro^ R. Van Melckebeke kaj Osc. Van Schoor (Antverpeno).

## Delegitoj de la Grupoj :

ANTVERPENO (1) (*Antverpena Grupo Esperantista*), S^roj^ Ad. Finet, Van der Biest-Andelhof.
» (*La Verda Stelo*), S^roj^ J. B. Istace, Fr. Schoofs.
BERCHEM (*Berchema Grupo Esperantista*), S^roj^ Ad. Goossens, Ant. Havermans.
BEYNE-HEUZAY (*Antaŭen*), S^roj^ Jules Albert, D^ro^ Dupont.
BOOM (*Booma Grupo Esperantista*), S^ro^ Jules Clerbaut.
BRUĜO (2) (*Bruĝa Grupo Esperantista*), F^ino^ B. Ledène, S^ro^ A. J. Witteryck.
BRUSELO (3) (*Pioniro*), F^ino^ A. Guilliaume, S^ro^ Oct. Chalon.
» (*La Zamenhof*), . . . .
HUY (*Esperantista Grupo*), S^ro^ H. Thiry.
KARLOREĜO (4) *Karloreĝa Grupo Esperantista*), S^ro^ L. Delvaux·
MARIABURG (*Verda Flago*), S^ro^ Fr. Willemsen.
MORESNET-BELGA (*La Fidelaj Amikoj de Zamenhof*), S^ro^ P. J. Schmetz.
MORESNET-NEŬTRA (*Amikejo*), S^ro^ Karl Schriewer.
NAMUR (*Namura Stelo*), S^ro^ A. Verbeken.
NIVELLES (*Grupo Esperantista*), . . . .
S^ta^ TRUDO (5) (*Excelsior*), S^ro^ Fr. Leenen.
» (*Stelo Matena*), S^ro^ Pol Stappers.
VERVIERS (*Esperantista Grupo*), S^ro^ Jos. Parotte.

---

(1) Antwerpen, Anvers. — (2) Brugge, Bruges. — (2) Brussel Bruxelles. — (4) Charleroi. — (5) St Truiden, St Trond.

# ESPERANTA GAZETARO

## I. — SPECIALAJ GAZETOJ :

**Oficiala Gazeto Esperantista.** — 5 fr. — *51, rue de Clichy, Paris.*
**La Esperanta Kolektanto.**— 2 fr.— *Weltwarte*, Leipzig St, (Germanujo).
**Esperanta Ligilo**, en reliefpunktoj, por blinduloj. — 3 fr. — Th. Cart, *12, rue Soufflot, Paris.*
**Espero Pacifista.** — 5 fr. kun laŭvola aligo al la Esperantista Societo de Paco. — Gaston Moch, *26, rue de Chartres, Neully sur-Seine* (Francujo).
**Espero Katolika.** (4 fr.) 5 fr. — Administrejo 23, *rue Joubert, Paris.*
**Internacia Pedagogia Revuo.**— 2 fr. 75.— en *Bystrice-Hostyn* (Aŭstrio, Moravio).
**Internacia Scienca Revuo.** — 7 fr. — Internacia Scienca Oficejo, *8, rue Bovy-Lysberg, Genève* (Svisujo).
**Tra la Filatelio**, internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj. — (2 fr.) 2 fr. 50 — Fize, *au Patissou, Béziers* (Francujo).
**Voĉo de Kuracistoj.** — 2 fr. 50. — D^ro^ Stephan Mikolajski, 6, strato Sniadeckic, *Lwow* (Austrio).
**Export-Esperantist.**— (Esp.-Angle) 5 fr. — *404, Security Bdlg, Chicago,* Ill. U. S. A.

## II. — ĜENERALAJ KAJ BELETRISTIKAJ GAZETOJ :

**Ĥo Esperantista.** — 2 fr. 50. — J.-H. Schorer, *Wilhelmstr., 29, Berlin.*
**Esperanta Internacia Revuo**, industria, komerca, eksporta, filatelia reklama kaj literatura. — 5 fr. 15. — *Ulloi-ul, 59, Budapest.*
**Esperanto**, dusemajna. —(4 fr.) 5 fr. — Librairie de l'Esperanto, *15. rue Montmartre, Paris.*
**Espero** (Ruse), internacia revuo de la kultura unuigo de popoloj, organo de la Societo *Espero*. — 10 fr. — *Vjestnik Znania, 147, Nevsky pr., Peterburgo.*
**Juna Esperantisto**, Por junuloj, instruistoj kaj lernantoj. — 2 fr. 50. — Presa Esperantista Societo, *33, rue Lacépède, Paris.*
**La Bela Mondo**, ilustrata.— (Mk 6) fr, 7,50.— F. Emil Boden, *12, Bismarckplatz, Dresden.*
**Lingvo Internacia.**— 2 fr. 50. — Presa Esperantista Societo, 33, *rue Lacépède, Paris.*
**La Revuo**, literatura, kun konstanta kunlaborado de D^ro^ Zamenhof.— 7 fr.— Hachette, 79, *rue Saint-Germain, Paris.*
**La Spritulo**, gazeto por ŝerco, humoro kaj satiro, — 3 fr.— Richard Bresch, Körnerstr., 31, *Leipzig* (Germanujo).

## III. — NACIAJ PROPAGANDAJ GAZETOJ :

*Alĝerio* — **Afrika Esperantista** (France).— Senpaga por la membroj de la grupo de Alger.— 4, *rue du Marché, Alger.*
*Aŭstralio.* — **The Australian Esperantist.** — 0 fr. 30 por ĉiu numero.— R. Dossor, *Bridgestreet, Benalla* (Viktorio)
*Aŭstrio.*—**Informaj Raportoj** (Germane).— 2 fr. 50.— K. F. Ahlgrimm, *Bandgasse, 31, Wien* VII/1. (Vidu ankaŭ *: Bohemujo).*
*Azia Turkujo.* — **Greklingva Esperantisto**, (Greke-Esp.) — (Piastr. 11.35) 3 fr. — *Samosa Esperantista Societo,* Samos (Azia Turkujo.
*Belgujo.* — **Belga Esperantisto** (Esp., Flandre kaj France) — (4 fr.), 5.00). — Osc. Van Schoor, *20 Vondelstraat, Antwerpen.*
*Bohemujo.* — **Časopis Českych Esperantistu** (Boheme). — (3 Kr.) 3 fr. 75. — *Praha II.*
*Bohemujo.* — **Bohema Esperantisto** (Esp., kaj Boheme). — 4 fr., 25. — Red., *Praha III*, 495 (J. Iglauer), Adm., en *Jevičko* (Aŭstrio, Moravio).
*Brazilo.* — **Brazila Esperantisto** (Portugale), — 6 fr, — *Largo de S. Francisco do Paula*, 4, Sob., *Rio de Janeiro.*
*Britujo.* — **The British Esperantist** (Angle). — (3 ŝil.). 4 fr. — *Museum Station Buildings*, 133-136, *High Holborn London. W. C.*
*Britujo.* — **La Esperanta Instruisto** (Angle). — (1ŝ. 6 p.). 2 fr. 50, — *Stead's Publishing House*, 39 *Whitefriars street Londen, E. C.*
*Britujo.* — **La Londona Gazeto** (Angle). — C. A. Fairman, 70 *Romola-road, Herne Hill*, London S. E.
*Bulgarujo* — **Lumo** (Bulgare). — (3 fr. 50) 5 fr. — *Tirnova.*
*Ĉilo.* — **Ĉilo Esperantista** (Hispane) — 2 fr. — *Casilla* 1989, *Santiago.*
*Ĉilo.* — **La Du Steloj** (Hispane). — 5 fr. — 1437, *calle de la Catedral, Santiago.*
*Ĉilo.* — **Esperantaj Skribajoj** (Hisp.), — 1 fr. — *Casilla* 1284, *Santiago.*

1ª JARO. MAJO 1909. 7ª NUMERO.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO,

redaktata de Léon Champy, Fr. Schoofs, Van der Biest-Andelhof, Jer. Van Laere kaj Oscar Van Schoor.

ABONPREZO :

| | |
|---|---|
| Belglando . . . | Fr. 4.— (Sm. 1.60) |
| Eksterlando . . . | Fr. 5.— (Sm. 2.—) |
| Unu numero . . . | Fr. 0.40 (Sm. 0.16) |

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen-Anvers.

Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.

Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## Belga Ligo Esperantista

### Raporto pri la komitata kunveno, okazinta en Bruselo, je la 2ª de Majo 1909, en salono de la « Café des trois Suisses.

S^ro^ Van der Biest-Andelhof, prezidanto, malfermas la kunsidon je la 10 1/2ª matene.

Ĉeestas :

Delegitoj de la ĝenerala kunveno : S^roj^ L. Champy, Abato Richardson Fr. Swagers kaj O. Van Schoor. Senkulpiĝis : S^ro^ K^to^ Duverdyn.

Delegitoj de la grupoj : S^roj^ Van der Biest-Andelhof kaj Finet (Antverpena Grupo), — Schoofs kaj Istace (Verda Stelo, Antverpeno), — D^ro^ Dupont kaj Albert (Antaŭen, Beyne Heuzay), — F^ino^ Ledène kaj S^ro^ A. J. Witteryck (Bruĝa Grupo), — F^ino^ Guilliaume kaj S^ro^ O. Chalon (Pioniro, Bruselo) kaj S^ro^ Parotte (Esp. Grupo, Verviers).

Senkulpiĝis : S^roj^ Schriewer (Amikejo, Neŭtra Moresneto), Havermans kaj Goossens (Berchem'a Grupo), Delvaux (Karloreĝa Grupo).

S^ro^ L. Champy, sekretario, legas la raporton pri la lasta kunveno, kiu estas aprobata sen rimarko.

Oni pridiskutas la tagordon :

1° *Enkonduko de Esperanto en la Publikan Instruadon.*

La Prezidanto konigas kelkajn informojn ricevitajn de S^ro^ Durieux, el Lille, kie Esperanto jam estas enkondukita en la lernejojn, kaj oficialaj diplomoj pri kapableco estas disdonataj. Ĉar la ĝis nun ricevitaj dokumentoj ne estas sufiĉaj por la raporto sendota al la Ministro de Sciencoj kaj Artoj, la kunveno decidas prokrasti la demandon ĝis post la Barcelona kongreso.

2° *Nia agado dum la Ekspozicio de Bruselo en 1910.*

La Prezidanto legas la leterojn skribitajn kaj ricevitajn pri tiu punkto, el kiuj oni konkludas ke la Ligo povas atendi diversajn monajn helpojn. La demando ne jam estas solvita kaj S^ro^ Van der Biest denove korespondos pri la afero.

3° *Lingva Komisio.*

« Belga Esperantisto » enpresis la proponon de S^ro^ Swagers kaj respondon rilatantan al ĝi. S^ro^ Swagers deklaras ke, ĉar liaj ideoj pri la demando ne estas ĝenerale akceptataj li ne plu insistas, kaj reprenas sian proponon.

Li poste parolas pri alia maniero por atingi la saman celon. Post diskutado en kiu partoprenas S^roj^ Chalon, Swagers kaj Abato Richardson, oni prokrastas decidi ion ajn ĝis post la Barcelona kongreso.

4° *Ĝenerala kunveno en Verviers.*

Oni fiksas la daton de la ĉiujara ĝenerala kunveno je *Dimanĉo, la 27^a^ de Junio.* S^ro^ Parotte konigas la ĉefajn partojn de la festprogramo : Akcepto en la Urbestrarejo, festeno, koncerto, balo. La Prezidanto dankas S^ron^ Parotte kaj esperas ke la klopodoj faritaj de la Verviers'a Grupo bone sukcesos.

5° *Aliĝo de nova grupo.*

La kunvenantaro aprobas la aliĝon de la Brusela esperantista grupo « la Zamenhof » ; ĉar la societo enhavas nur 18 membrojn, ĝi ne estas jam sufiĉe multnombra por havi delegiton. La Prezidanto deziras bonvenon al la nova grupo kaj gratulas speciale S^ron^ Abato Richardson, ĝian Direktoron kaj fondinton.

6° *Diversaĵoj.*

La ekzameno por akiro de diplomo pri profesora kapableco okazos en *Antverpeno,* je *Dimanĉo la 20^a^ de Junio.* La ĉeestantaro decidas unuvoĉe doni la diplomon « Pro Honoro » al S^roj^ Fr. Swagers kaj Ad. Finet, membroj de la ekzamenanta komisio.

La kunsido disiĝas je la 12 3/4^a^ horo.

La ĝenerala Sekretario,
L. CHAMPY.

---

# AVIZO

La ekzameno por akiro de la atesto pri profesora kapableco okazos en Antverpeno, je Dimanĉo, la 20^a^ de Junio.

La gekandidatoj estos informataj pri la fiksita kunvenejo kaj horo.

La kondiĉoj kaj la programo de la ekzameno aperis en la Februara numero de « Belga Esperantisto », paĝo 57.

La enskriboj estas atendataj antaŭ la 15^a^ de Junio. Mi esperas, ke multaj belgaj esperantistoj partoprenos en la ekzameno kaj esprimas la deziron ke baldaŭ ĉiuj esperantaj kursoj en Belglando estos nur instruataj de geprofesoroj diplomitaj.

Samtempe mi rememorigas ke literatura konkurso estas organizita de la Ligo (Vidu B. E., paĝo 76). La verkoj devas esti sendataj al la subskribinta prezidanto, antaŭ la 25^a^ de Majo.

La Prezidanto de la B. L. E.,
VAN DER BIEST-ANDELHOF.

---

# Internacia Kongreso por plibonigi la Blindulsorton, en Napoli (Italujo)

30an de Marto — 3an de Aprilo 1909

## Graveco de Esperanto en la Blinduledukado.

*(Parolado de Frato Izidoro)*

Historio tra ĉiuj jarcentoj montras, ke ĉiam la lingvaj konoj estas la disvastigiloj de civilizacio kaj religio, komerco kaj industrio, sciencoj kaj artoj, kiel ankaŭ, fatale, de eraroj ĉiuspecaj ;

Ke ĉiam la grandaj landoj mezuris la vastiĝon de siaj fortoj per la disvastiĝo de sia lingvo ; la malgrandaj, per siaj fremdlingvaj konoj.

Tio ankaŭ estas vera por individuoj, kaj la gloroza imperiestro Karolo V prave povis diri : « Oni estas homo tiomfoje, kiom oni parolas da lingvoj».

Homo, kiu nur konas sian nacian lingvon, vivas ja en sia lando ; sed nur en ĝi. Por la spirita vivo, la nekono de lingvoj estas barilo pli netransirebla ol la politikaj limoj, ol la spac-kaj tempdistancoj.

Nu ekzistas tra la vasta terglobo popolo miljonopa, sed, de distancoj, landlimoj, precipe de lingvobariloj dispecigata en malgrandaj homgrupoj. Estas blindulpopolo, kaj kun ĝi la blindulamikaro.

Kiel popolo, interligata de sindona solidareco pri samaj deziroj kaj vivkondiĉoj, la blinduloj nur ekzistas de unu jarcento. Antaŭ tiu tempo ili nur estis malfeliĉuloj unuopaj kun komuna suferado. Aperis Valentin Haüi : ties homamo de l' scienco alvokas kunhelpon, kaj en tri lingvoj potencaj, france, germane kaj ruse, lia forta voĉo predikas tra la mondo la eblecon realtigi la blindulon, lin igi utilan membron de la societo.

Ha ! Gesinjoroj, lasu min demandi : ĉu hodiaŭ ni estus ĉi tie kunvenintaj por daŭrigi la laboron de tiu bona kaj klera homo, se,por sia agado, li estus nur povinta disponi ian malgravan lingvon, de malgranda popolo nur parolatan ? Ĉu kun li, inter la lingvoj de iu malmultkonata landa, lia eltrovaĵo ne estus nun malaperinta, por ĉiam perdita ?

Se Ludoviko Braille,la blinda verkinto de l'Braillesistemo ne estus havinta la potencan francan lingvon por ĉie diskonatigi sian genian, simplan kaj praktikan elpensaĵon, kiom valorus nun la blindulinstruado ?

Ĉu ne, en nia kaj ĉiuj aferoj, la eksterlanda disvastiĝo de la lingvoj sur la mondo etendas la progreson ?

Kaj se iuj popoloj, pri nia aŭ aliaj aferoj, ne sekvas la antaŭeniradon, ĉu tio ne okazas, ĉar ilia lingvo ne povis sufiĉe kontakti kun la grandaj kvazaŭ mondlingvoj ; ĉar enŝlosataj

inter siaj landlimoj, ili nenion povis ricevi el ekstero; ĉar ili ĉiam vidis, kontraŭ la neforigita lingvobarilo, haltiĝi la elŝprucaĵon de sia genio, neniiĝi la klopodojn de sia agemo?

Ŝajnas, Gesinjoroj, ke post tia konsidero mi konkludos pri la nepra utileco instrui en niaj lernejoj, ne unu fremdan lingvon, sed plej multajn.... kial ne ĉiujn, por ke la konkludo estu vere logika?

Tamen,ne! ĉar de kelka tempo oni trovis ion plisimplan, plibonan,plifareblan,plikompletan.Oni trovis lingvon internacian,de ĉiuj naciaj devenantan, enhavantan ĉies plejbonajn kvalitojn, promesantan, laŭ internacia vidpunkto, la tutan profiton, kiu kuŝus en la plena konado de la lingvaro tutmonda.

Ĝia jam ege rimarkinda disvastiĝo tra la mondo permesas min ne paroli tie ĉi pri la valoro de Esperanto; mi nur pritraktos la superecon de ĝia uzado kompare kun la uzado de kelkaj fremdaj lingvoj.

Tiu supereco estas la sama, kiel, pri evolucio de la homara inteligento tiu de la presarto kompare kun la manskribo en antikvaj tempoj; la sama, kiel pri evolucio de komerco kaj ceteraj tutmondaj interrilatoj, tiu de la fervojoj kompare kun la iama malkomforta kaj malrapida veturilaro; tiu de la nuna vaporŝiparo kompare kun la antikvaj rem-kaj velŝipoj; la sama kiel, pri evolucio industria,tiu de la ĉiame pliperfektigita maŝinaro kompare kun la malmultprodukta manlaboro de antaŭ unu jarcento; kc. kc.

La granda utileco,la ja urĝa neceseco de lingvo internacia sin montras ĉiutage plievidente : ĝi estas la nepra konsekvenco de la antaŭenirado de ĉia monda progreso, al kiu ĝi mem baldaŭ fariĝos tute nemankebla antaŭenpuŝilo.

Ni tamen ne devas miri, ĉar ne jam ĉiuj komprenas tiun utilecon, necesecon; ĉu ĉiuj de la komenco komprenis la taŭgecon de la ĉi supre diritaj eltrovaĵoj? Ĉu ties iniciatoroj ne devis esti kuraĝozaj apostoloj, ofte martiroj de la monda indiferenteco kaj kontraŭstaro?

La Esperanta agado ankaŭ konis, ankoraŭ konas saman indiferentecon, ĉiuspecan kontraŭstaron; tamen ĝi ĉiam venke daŭrigas sian antaŭeniradon al la fina, kompleta triumfo. Kaj jam venis la momento, en kiu la inteligenta parto de la homaro ne plu povas neatenti pri ĝi; devas rimarki, ke ĝi ne plu estas haltebla; ke plilonga prokrasto de ĉies kunlaboro povas nur prokrasti la finan elvenkon, malpliigi la nunajn profitojn.

Gesinjoroj, ni tien ĉi kunvenis el multaj terlokoj; nin kunigis sama nobla kaj homama celo; ni venis por kunmeti la fruktojn de ĉies eksperimento; ni venis samtempe por lerni kaj instrui, kaj..... ni ne interkomprenas! .....

Tamen la plejmulto el ni faris multe da lingvaj studoj, povas paroli aŭ balbuti iom france, germane kaj angle, kaj tamen... ni ne sufiĉe interkomprenas!

Ni venis tien ĉi grandkore, kunvokitaj de potenca solidareco ; ni ĝuadas sur tiu bela Itala tero la plejkoran akcepton, kaj ni apenaŭ povas balbuti nian mir-kaj dankesprimon al la noblaj akceptantoj !

Kiom pli fruktodonaj estus niaj publikaj kunsidoj, kiom pli agrablaj kaj eblaj niaj interparoloj, se, en tiuj salonoj nur aŭdiĝus unu lingvo, al ni ĉiuj apartenanta, de ni ĉiuj komprenata kaj parolata !

Jes, tiu kongreso, niaj estontaj kongresoj laŭtege proklamas la oportunecon de la helplingvo internacia, la sama por ĉiuj.

Kaj kiam, post kelke da monatoj, la raporto de niaj laboroj venos permesi nin kapripoze repreni la lumŝpruĉajn lecionojn de tiu kongreso, venos permesi al niaj forestantaj kolegoj preni sian parton el la fruktoj de nia monda kunsidaro, por kiom el ni kaj el ili la lingvobariloj estos kvazaŭ ŝlositaj pordoj ĉe ĉambro trezorplena ? Kial do unu lingvo, por ĉiuj la sama, al ĉiuj ne povas diri kaj relegi la tutecon de niaj laboroj ?

Ĉu la sama rezonado ne ankaŭ ege taŭgas pri niaj metodlibroj, pedagogi-revuoj aŭ alispecaj eltrovajoj kaj ĉia pliperfektigo en nia afero ? La tuta tio ĉiumomente vidas sian agadon bonfaran kaj progreŝeman haltiĝi kontraŭ la lingvobariloj ! Apenaŭ se, po supermezura sumo da traduklaboro, kvindekfoje refarita, kelkaj eroj tra la landoj dissemiĝas.

Sed, ni suriru la kampon mem de l'blinduloj. Ili, ili precipe, rajtas kaj devas interesiĝi je tio, kiun ni por ili faras, des pli ĉar ofte, kiel profesoroj aŭ societmembroj, ili intense partoprenas en nia agado. Por ili, la lingvobariloj estas ja plidensaj pro la neebleco presi reliefe la jus nomitajn verkkaj eldonajojn.

Ni ekzamenu nun kion produktas nia speciala Braille-presado. Longa estas la listo de muzikajoj, ĉar la muziko estas tutmonda lingvo, de ĉiuj blindaj artistoj komprenata, sammaniere skribata kaj legata. Multe pli mallonga la listo fariĝas se muzikon akompanas vortoj, kiel en kantoj, metodoj kun teksto klariga, k. t. p.

La lernolibroj, aŭ pliĝuste la elĉerpajoj el ili, ekzistas laŭ nur ĝustega bezono ; kaj tute mankas en iaj lernejoj.

Sensignifa la produktado literatura kaj prisciencа ; tamen literaturo kaj scienco taŭgas por la tutmonda blindularo, estas por ĝi nepra bezono. Mi plie rimarkigos, ke la malmultaj literatur-kaj sciencajoj, kiel ankaŭ la kelkaj malgravaj gazetoj kaj revuoj estas presitaj angle, france aŭ germane, en tiuj tri potencaj lingvoj, pro ilia iomgrada internacieco.

(Daŭrigota)

>:<:<

# La « Zamenhof »

En Bruselo ekzistas juna, sed agema grupo, kies nomo estas « la Zamenhof », kaj kies honora prezidanto estas nia kara Majstro mem ; la poŝtakarto per kiu li konigis la akcepton de la honora prezidanteco estas fiere kaj zorge konservata en la albumo de la societo.

« La Zamenhof » kalkulas 18 efektivajn kaj 10 honorajn membrojn ; la unuaj ĉiuj estas studentoj, la plej juna estas 14-, la plej aĝa 18 jara. Ĝia direktoro estas Abato Richardson, kiu gvidas la anojn per siaj bonaj konsiloj kaj stimulas ilin per siaj entuziasmaj kuraĝigaĵoj.

La celo de la « Zamenhof » anoj estas ne nur perfektiĝo en la scio de nia bela internacia lingvo, sed ankaŭ interrilatiĝo kun ĉiulandaj samideanoj, kaj propagando de Esperanto inter la junularo. « La Zamenhof » aliĝis al la Belga Ligo Esperantista kaj apogas tiamaniere, laŭ la mezuro de siaj fortoj, la centralizadon de la esperanta agado en Belglando.

La junaj grupanoj kuniĝas ĉiusemajne ; dum siaj kunvenoj ili verkas la internacian korespondadon kaj legas la ricevitajn kartojn kaj leterojn ; ili korespondas kun esperantistoj el 16 landoj, eĉ el Madagaskaro kaj Japanujo. Kelkaj membroj interŝanĝas persone kartojn kaj leterojn kun fremdlandanoj.

Ilia devizo estas « Homo estu homa » ĉar ili profunde sentas en si mem la ideon internan de Esperanto, kiu estas la internacia homa frateco.

Se ekzistas inter la multnombraj legantoj de « Belga Esperantisto » samideanoj sin interesantaj al la juna grupo, kun granda plezuro ĝiaj membroj konatiĝos kaj korespondos kun ili.

PIERRE DE BRUYNE, sekretario,
6, Avenue du Parc,
St-Gilles-Bruxelles.

# LA INSULO RÉ

Unu el la plej interesaj ekskursoj fareblaj dum restado en la Franca urbo La Rochelle, estas ekskurso al la insulo Ré.

La Rochelle, la fiera urbo de la Hugenotoj, starigas siajn multnombrajn antikvajn turojn, kiel honorindajn postsignojn el glora estinteco, sur gracia golfeto ĉe la bordo de la Atlantika Oceano. Sed ne pri tiu interesega urbeto mi hodiaŭ parolos. De La Rochelle du insuloj estas en la malproksimeco videblaj : norde, la insulo Ré, sude Oléron. Vaporŝipetoj faras regulan servon inter la kontinento kaj la insuloj. De La Rochelle al la insulo Ré, la marveturado daŭras proksimume du

horojn ; ĝi estas pli mallonga kiam oni enŝipiĝas en La Pallice, la granda komerca haveno de La Rochelle (ĉar tiu ĉi lasta estas precipe haveno por la fiŝkaptado). De La Pallice, per vaporŝipeto tute malgranda kaj nekomforta, oni marveturas dum kvarono da horo, kaj oni atingas la orientan nudan ekstremaĵon de la insulo. Tie vagonaro atendas, tiel antikva kaj senluksa kiel la vaporŝipo. En du horoj proksimume ĝi traveturas la tutan insulon, sur longo da 40 kilometroj, preterpasante multajn interesajn lokojn, inter aliaj St Martin-de Ré, La Couarde, Ars-en-Ré, Phare des Baleines. Ŝtonvojo sekvas preskaŭ la saman direkton, kaj estas multe pli agrable, multe pli interese, traveturi la insulon per kaleŝo. Tion mi faris sur granda parto de la trairado, de St Martin ĝis Ars-en-Ré. Kaj tiu komunikilo estis ankoraŭ pli malnova, pli senmoda kaj nekomforta ol la vagonaro. Estas kurioze, kiel, tiel proksime de la kontinento, la moroj ŝajnas malfrui minimume kvindek jarojn.

La tuta insulo estas vasta ebenaĵo, kun tre malproksima horizonto. La kulturo konsistas precipe el malaltaj vinberujoj, kaj inter la vinbertrunkoj oni kulturigas asparagojn ; sed ambaŭ, vinberoj kaj asparagoj, ne estas tre bongustaj, tial ke oni sterkas la teron per fuko (varech). Tiu fuko, eljetita el la maro kaj forblovita de la vento, kovras la insulon ĝis tre antaŭe en la teroj, disvastigante karakterizan fiŝodoron ; kaj saman gusteton ĝi donas al la kulturaĵoj sterkitaj per ĝi.

La marbordoj sin prezentas kiel tre diversaj. Sur granda parto, speciale sude de la insulo, etendiĝas vasta, belega sablobordo ; aliparte estas ŝtonaj krutaĵoj, aŭ eĉ kelkaj sablaj montetoj kun abiaroj. Sed ĉiam la bordo estas sovaĝa, impresa ; ĉiam oni vidas antaŭ si la grandan, senliman Oceanon, ĉiam oni aŭdas ĝian plendantan aŭ muĝantan voĉon. La sud-okcidenta bordo estas tre danĝera por la marveturado : vastegaj rifoj sin etendas laŭ tiu bordo, la ondoj leviĝas ŝaŭmantaj kontraŭ ili, kaj je la forfluo oni povis ekvidi la tutan perditaĵon de jus pereinta kvarmasta velŝipo (la franca ŝipo «Gers» Aprilo 1905). Sur unu parto de la insulo, apud Ars-en-Ré, la du marbordoj tiel alproksimiĝas la unu je la alia, ke restas nur inter ili la vojo kaj la digo ; la vidaĵo estas bela : ambaŭflanke oni nur vidas la maron.

Multnombraj vilaĝoj kaj urbetoj estas dissemitaj en tiu regiono kiu ŝajnas tiel izola kaj trankvila. La ĉefurbo estas St Martin de Ré (Sankta Martino). Ĝi estas malgranda haveno, samtempe ol fortikaĵo kun remparoj kaj citadelo. Tiu ĉi estas la malliberejo kie atendas la kondamnitoj enŝipiĝontaj al la kolonioj. Sankta Martino estas urbo sufiĉe granda, kun multetaĝaj domoj, komfortaj hoteloj, kaj eĉ kelkaj belaj magazenoj. Ĝi ankaŭ posedas ruinon de mezepoka abatejo.

En la najbarajo de La Couarde, oni miras trovi en la abiaroj kelkajn modernajn kampodomojn. En la vilaĝoj, la domoj estas ĉiuj tre malaltaj, senetaĝaj, kaj senmakule kalkepentritaj. Estis je la Paskfesto kiam mi vizitis la insulon, kaj ŝajnis al mi ke ĉiuj domoj kaj dometoj vestiĝis per nova blanka paskrobo. Kaj en tiuj mallarĝaj, puregaj vilaĝstratetoj moviĝis pentrinde la blankaj kvadrataj kufoj de la insulaninoj. Ĝenerala estas ankoraŭ la uzado de la loka kapvestajo. Nur en la plej grandaj centroj oni vidas kelkajn esceptojn.

Ĉe la okcidenta ekstremajo de la insulo, apud danĝerega rifplena loko, stariĝas la altega Lumturo de la Balenoj (Phare des Baleines). Ĝi estas la plej alta el ĉiuj lumturoj de la Franca okcidenta marbordo. La turistoj supreniras la turon kaj oni povas imagi la imponantan vidajon kiun ili ĝuas de tie supre. (Mi malfeliĉe, pro manko da tempo, povis nur daŭrigi mian vojaĝon ĝis Ars-en-Ré, kaj ne vidis la lumturon). Mirinda fakto estas ankaŭ ke ĉiuj turoj de la preĝejoj estas uzataj kiel gvidturoj por la fiŝkaptistoj kaj marveturistoj. La suprajo de tiuj turoj estas je la pinto nigrigita per gudro, kaj sube blankepentrita per kalko. Tiamaniere ili estas videblaj de tre malproksime.

Nun mi nur aldonos kelkajn vortojn pri la salmarĉoj (marais salants). Per kluzoj la marakvo enfluas en vastajn malaltajn kampojn apartigitajn en fakoj. Tie oni lasas ĝin vaporiĝi per la suno. La marakvo demetas la salon, kaj viroj kaj virinoj starantaj sur la fakrandoj, ŝovelas tiun salon en amasoj, kaj ŝarĝas ĝin en korboj. La rikolto de la salo estas, krom la fiŝkaptado, unu el la ĉefaj okupadoj de la insulanoj, kaj la salmarĉoj estas tre multnombraj, precipe en la proksimeco de Ars-en-Ré, beleta urbeto sur la golfo de tiu nomo (mer d'Ars).

Por resumi tiun priskribeton de la insulo Ré, mi konkludos dirante ke ĝi estas vere vizitinda. Kiam oni vojaĝas en la najbarajo, oni nepre devas entrepreni tiun ekskurson. Tiel proksima de la kontinento, la insulo estas tamen tute malsimila. Ni miras pro ĉio, pro la simplaj moroj de ĝiaj loĝantoj, pro la kvieteco de ĝiaj domoj, pro la senlimeco de ĝia horizonto, pro la sovaĝeco de ĝiaj marbordoj. Ĉio kaptas kaj meritas nian atenton, kaj mi certigas ke mia esplorvojaĝo al la insulo Ré estis tiel interesplena kiel agrabla.

MARIA POSENAER.

———

# Himno de Amikejo

Dediĉata al la laborema Esp. Konsulo en Amikejo
KARL SCHRIEWER.

Laŭ la melodio « La Espero »

Nova vorto flugas tra la mondo,
En Esperantujo jam konata :
Amikejo ehas en la rondo,
Vort' de ĉiuj ĝoje akceptata.

Propran hejmon havas Esperanto
Nun en nia bela Amikejo,
Kaj por ĉiu ajn alvizitanto
Estas ĝi komforta kongresejo.

Se tro granda ŝajnas nia ago,
Multaj estas niaj favorantoj,
Kaj sur blua Moresneta lago
Sonos esperantaj ĝojokantoj.

Amikejon venu do, homaro ;
Vivu nia internacieco ;
Ni oferu ĉiuj ĉe l'altaro,
Ĉe l'altaro de la amikeco.

PEKA

# ESPERANTO FACILA

## Pri Litpredikoj.

En la trinkejo « Ora Barelo, » ĉe la ronda gastotablo (1) (ne Esperantista !) S^ro Gluviro pasigas la plej agrablajn horojn de sia vivo. Ĉar la tiea biero estas bonega, la amikoj sinceraj kaj babilemaj (2), la rondo gaja. Nur pri la trinkeja horloĝo, S^ro Gluviro ne estas kontenta : ĝi ja ĉiam ŝajnas trorapidi (3), kaj ofte enuaj litpredikoj (4) atendas nokte revenantajn edziĝintajn gastotablanojn.

Iuvespere, en la lasta vintro, Gluviro revenis en sian straton, je la dua matene ! Frostis, neĝis ; eĉ por bierplenigita korpo la vetero estis malagrabla. Gluviro haltis antaŭ la numero 48^a,kaj, ne trovinte ian ŝlosilon en sia poŝa, li sonorigis...

Tondro kaj fulmo! oni ne sâjnis rapidi por malfermi la pordon. Ankoraŭ li sonorigis, tre kolere nun, malgraŭ sia timo pro sia edzino, filino de la fama kolonelo Muelilo.

Ankoraŭ longa atendo... Fine, bruo aŭdiĝis en la koridoro, oni forŝovis la riglilon (5), kaj aperis antaŭ la ebriulo (6).. malgranda,ĉemizvestita, frosttremanta (7) maljunulo, kiu ĝentile diris al Gluviro : « Senkulpigu, S^ro^,via hejmo ne estas tiu ĉi, vi eraris, vi ja loĝas en la numero 84^a^ . »

« Kion tio signifas ? » ekkriis Gluviro, « vi unue lasas min atendi en la frosto kaj neĝo dum duonhoro, kaj fine mi eĉ ne loĝas tie ĉi ! Malĝentilulo (8). » !

*Pentrindaĵo !*

En tiu sama nokto, laŭtega edzina litprediko tremigis la murojn de la numero 84^a^ .

La sekvantan sabatnokton, la sonorilego de la proksima preĝejo jam sendis tri gravajn frapojn tra la malvarman aeron, kiam S^ro^ Gluviro revenis hejmen. Tamen li ne estis tiom ebria kiom la antaŭan fojon, kaj nun havis sian ŝlosilon, per kiu li senbrue (9) malfermis la pordon de sia propra hejmo.

Li baldaŭ alvenis en sia dormoĉambro, kie lia edzino — ho feliĉo !— muzike ronkegis. Ciam senbrue li senvestigis sin en la nokta mallumeco. Tiam, timegante la vekiĝon de l'edzino kaj ŝian teruran litpredikon, li pripensis, pripensis... kaj elpensis ruzon.

Nur ĉemizvestite, li sidiĝis apud la lulilo (10) de la infano, kaj komencis luli, unue tre dolĉe, iom post iom pli forte, fine, tiom bruege ke lia edzino vekiĝis.

« Celesto ! Celesto ! kion vi faras tie ? »

« Kara Pelajino, la infaneto ekploris, mi saltis tuj el la lito, mi lulas, vi vidas.. nun, feliĉe, ĝi ree jam dormas.. »

« Ho, certe, falsulo, ĝi dormas, jam de hieraŭ ĝi dormas tie ĉi en mia brako !... Ha ! ha ! drinkulo, vi volis trompi min ! k. t. p. (*Litprediko*).

*
* *

Nu, antaŭhieraŭ, ree nokte revenante, dum obstina pluvo, S^ro^ Gluviro ĵus rakontis la antaŭe priskribitan okazintaĵon al siaj du fidelaj amikoj, S^oj^ Plakalerko kaj Zabergemo, kiam la unua el tiuj du gasttablanoj (ne Esperantistaj !) ekkriis :

« Ni konas bonan rimedon por senkolerigi litpredikeman edzinon. »

« Kio estas ? » demandis la du aliaj. »

« Fari ĉion kion la edzino ordonas. »

« Ni faru tion, jam tiun ĉi nokton, » proponis Gluviro.

« Bone, » deklaris Plakalerko, kondiĉe ke tiu kiu ne agos tiamaniere pagu vespermanĝon por ni triope. »

« Akceptate ! » ekkriis la trio, kaj kun tiu mistera intenco ĉiu drinkulo direktis sin al sia hejmo.

Kiam S° Plakalerko eniris la dormoĉambron, li trovis sian edzinon, legante jurnalon en la lito. Ŝi tuj komencis la kutiman (12) predikon : « Ha ! fine.jen vi estas ! Estas ree la dua horo ! Kaj kion mi vidas ? vi alportas vian malsekan pluvŝirmilon tien ĉi por malpurigi ĉion. Metu do ĝin en la liton mem, ebriulo ! »

« Bona ideo ! » diris Plakalerko, levis la littukojn kaj jetis la malsekan pluvombrelon sur la liton.

Enirante sian ĉambron, S^ro^ Zabergemo senvole puŝis kontraŭ grandan ŝrankon. « Kial vi ne renverŝas ĝin ?» ekkriis lia subite vekita edzino.

« Vi pravas, » (13) diris Zabergemo kaj, kun granda bruo, renverŝis la meblon.

Ĉe sia alveno en la dormoĉambro, S^ro^ Gluviro, kiu vere estis la plej ebria el la trio, metis piedon sub dikan tapiŝon kaj multpeze falis teren. Lia plej bona duono, la severa kolonel-filino, vekita de la bruo, tuj komencis mokan litpredikon :

Ha ! bonege ! tian falon vi meritas ! Ho, vi drinkegulo ! mi dezirus ke vi disrompu vian kolon tiamaniere.

Sed Gluviro, rapide sin levante, protestis ridante : « Ho ! tute ne ! mi ne faros tion, mia kara Pelajino, mi pliŝatas (14) pagi vespermanĝon !»

SKALDO.

NOTOJ.

1) gastotablo, gasttafel of stamtafel, *table de clients habituels* — 2) babilema, praatlustig, *bavard*, — 3) trarapidi, voorloopen, *avancer*, — 4) litprediko, bedsermoon, *sermon de femme déjà couchée au mari pochard rentrant trop tard* — 5) riglilo, grendel, *verrou*, — 6) ebriulo. dronkaard, *pochard*, — 7) frost-tremanta, van koude bevende, *grelottant de froid* — 8) mal-ĝentilulo,onbeleefderik,*grossier personnage*,—9) senbrue,geruchtloos, *sans bruit* - 10) lulilo, wieg, *berceau*, — 11) okazintaĵo, gebeurtenis, *événement*, — 12) kutima, gewoon, *ordinaire* — 13) pravi, gelijk hebben, *avoir raison*, — pliŝati, verkiezen, *préférer*.

---

## DIVERSAJ INFORMOJ

La abonantoj kiuj ne regule ricevas nian revuon, bonvolu informi pri tio S^ron^ **Fr. Schoofs**. sekretario de la Redakcio, 49, Kleine Beerstraat, Antwerpen, (rue de la Petite Ourse, Anvers).

Ili estas petataj avizi S^ron^ Schoofs pri eventuela ŝango de sia adreso.

— **Esperanta Universala Asocio**. — La Pentekostan Lundon, 31^an^ de Majo okazos en Huy, la ĝenerala kunveno de E. U. A. Ekzistas ĝis nun pli ol 30 delegitoj de tiu potenca tutmonda societo en Belgujo.

La celo de la kunveno estas : 1. firme kaj klare starigi la rilatojn inter U. E. A. kaj la Belga Ligo Esperantista, 2. decidi pri rimedoj por tuj komenci praktikan kaj ageman propagandon esperantan en ĉiuj partoj de nia lando. Sin turni al S^ro^ Landemme, Tihange (Huy).

— En Parizo fondiĝis lasttempe **Internacia ligo de la Esperantista Preslaboristaro.**

La vigla kaj lerta sekretario-fondinta, nia amiko Luis Carlos, farante alvokon al siaj samprofesianoj diras :

« Rapidu aliĝi al la jus nove fondita Internacia Ligo de la Esperantista Preslaboristaro. Ni montru, ke ni estas progresemaj, kaj, ke nia inteligenta anaro kapablas plenumi sian iradon sur la vojo al Progreso, same kiel aliaj profesiaj gildoj jam faris. Interesataj ĉefe estas ni pri la vastigo de lingvo helpa, kiu ebligos nin pli intime interkonatiĝi kaj intersciiĝi pri la tutmonda evoluciado de nia profesia arto. »

La jara kotizo estas 4 frankoj : oni bonvolu rekte sendi ĉiujn korespondaĵojn kc. al S^ro^ Luis **Carlos**, rue Rollin, 7, Paris, V.

— S^ro^ **Olivet**, belga kavaleria oficiro, 5, Van Ballaerstraat, en Antverpeno (Antwerpen-Anvers) deziras korespondi kun ekster-Eŭropaj kamaradoj.

— Ĉiuj partoprenontoj en la V^a^ esperantista kongreso estas petataj sendi sian fotografaĵon al la Prezidanto de la kongreso, S^ro^ F. Pujula y Vallès, Rambla de Catalunyo, 89, Barcelono. Sur la antaŭa parto oni skribu supre la nomon de sia lando, malsupre tiun de sia familio kaj urbo. Sur la dorsa flanko estu la adreso. Tiu peto estas farita al B. E. de S^ro^ W. **Becker**, Credit-Anstalt, Leipzig'o (Germanujo).

— Nia amiko kaj kunlaboranto, S^ro^ **W. A. Vogler**, prenis sur sin la organizado de ekskurso al Skotlando. Vaporŝipo forveturos el Hamburgo vendredon la 23^an^ de Julio, kaj alvenos en Leith Edimburgo dimanĉon ptm. — La Edimburg'a grupo feste akceptos la ekskursontoj, kiuj sub la afabla gvidado de skotaj amikoj vizitos la famajn belegaĵojn de la lando, ankaŭ Glasgovon (Glasgow).

Ĉie la grupoj preparos festetojn. Reveturo ŝipe el Leith, sabaton la 31^an^ de Julio ; alveno en Hamburgo la 2^an^ de Aŭgusto.

La tutaj kostoj de la ekskurso de Hamburgo kaj ree ĝis tie estos ĉirkaŭ Sm. 100 = fr. 250, eble iom malpli.

Se nombro de la vojaĝontoj deziros viziti aliajn partojn de Britujo, tio estos aranĝata

La partoprenontoj dezirantaj vidi la vidindaĵojn de Hamburgo antaŭ aŭ post la ekskurso estos bone gvidataj.

Kompreneble estas tre dezirinde, ke ankaŭ gesamideanoj el Holando, Belgujo, Francujo kaj Anglujo aliĝu, por ke la aro estu plej altgrade internacia.

S^ro^ Vogler petas insiste, ke la partoprenontoj sciigu lin kiel eble plej baldaŭ, por ke li faru la necesajn difinitajn aranĝojn kun la ŝip-kaj hotelmastroj. Adreso : 16, Rathausstrasse, Hamburg.

— S^ro^ **J. L. Bruijn**, 70, Kepplerstraat en Hago (den Haag), Nederlando, preparas la eldonon de « Esperantista Surmura Kalendaro » por 1910. Ĝia ŝildo havos amplekson da 25×33 cm, ĝi estos bele kolorpresata, reprezentante esperantistan simbolon: la bloketo 8×12 cm.

La antaŭa flanko de l'folietoj surhavos la nomon kaj cifron de l'tago, la nomon de l'monato kaj kelkajn liniojn por rememordatoj, devizoj, proverboj kc : la dorsa flanko surhavos prozon aŭ poezion.

La enhavo estos tute neŭtrala.

La prezo de l'tuta kalendaro — afrankite ĉien — estos 60 sd. aŭ 6 internaciaj respondkuponoj, kun speciala rabato por grupoj : el la unua 100^o^ da ekster Nederlandaj mendintoj ĉiu ricevos artan objekton.

La eldonisto alvokas ĉiun, kiu havus ion por konsili, deziri aŭ proponi por la bona aranĝo de l'kalendaro, kiel eble plej baldaŭ sciigi tion al li ; la kalendaro estos presata kaj ekspedata en la komenco de Novembro.

— **Konkurso de « La Bela Mondo**. La eldonisto kaj la redaktoro de *La Bela Mondo* decidis malfermi konkurson.

**Kondiĉoj** de la literatura konkurso:

1e verki originalan novelon, rakonton aŭ artikolon ilustritan en prozo, kaj skribi ĝin plej legeble *nur* sur *unu* flanko de l'papero.

2e sendi, per rekomendita poŝto, la manuskripton al la redakcio de *La Bela Mondo, Dro Schramm, Dresden-Ständehaus,* antaŭ la 1a de julio 1909.

**Premioj** : La juĝantaro samtempe atentos la elegantecon de la stilo kaj la intereson de la teksto. Ĝi disdonos la sekvantajn premiojn :

1a **premio 50 M.** (= **25 Sm.**), **2a premio 25 M.** (= **12.5 Sm.**).

La aliaj aŭtoroj de bonaj tekstoj ricevos ĉiu po dek markoj da libroj. La premiigitaj tekstoj estos enpresataj en *La Bela Mondo*. La redakcio konservos por si la rajton, enpresi, post korekto se bezone, la nepremiigitajn tekstojn.

# BELGA KRONIKO

**ANTVERPENO. Antverpena Grupo Esperantista.** Tre sukcesinta intima festo kunigis je Sabato, la 24a de Aprilo, la membrojn de tiu agema grupo en la festsalono de la Hotelo Wagner.

La celo de la kunveno estis elmontro de danko al la bonegaj kaj amataj geprofesoroj Gesinjoroj Claessens-de Deken kaj F-ino Eug. Gunzburg, kiuj bonvolis fari la esperantajn kursojn dum la periodo 1908-'09. Kiel materia atesto de sia danko la grupanoj prezentis al ili belegajn donacojn ; ankaŭ la Komitato aldonis donacan memorajon, ateston de sia alta taksado kaj aprobo. Ĉarmaj paroladoj de F-inoj Ceulemans, Posenaer kaj deJaegher ; je l'nomo de la komitato parolis S-ro Van der Biest-Andelhof, kiu prezidis la kunvenon. Emociitaj respondoj de la tri festherooj.

La muzika kaj deklama parto de la festo rikoltis grandan sukceson, dank' al la lertaj geinterpretintoj S-ino Claessens, F-inoj Giffroid, Vermeulen kaj de Jaegher, S-roj Bernard kaj Olivet. Specialan mencion meritas F-ino Ida Vermeulen, kiu kun supera talento deklamis la « Preĝon sub la verda Standardo », verkitan de D-ro Zamenhof.

Fine resonis la multnombraj kantoj, lernitaj dum la lasta vintro kaj esperantigitaj de nia amiko Frans Swagers, kaj disiĝante, la ĉeestantoj entuziasme ekkantis la esperantistan himnon « l'Espero ».

La diversaj kantoj estis akompanataj de S-ro D-ro W. Van der Biest, kies muzika talento kaj sindono al la grupo, de longe estas konataj.

— **La Verda Stelo.** La someraj kursoj bone sukcesas. La membroj de la V. S. baldaŭ starigos grupon en Borgerhout, loĝantplena antaŭurbo de Antverpeno.

**BERCHEM. Esperanta sekcio de la Ruĝa Kruco.** Intima kaj sukcesplena festo okazis la 19an de Aprilo en la kalejo « *De Vroegen Morgen* » sidejo de tiu ĉi interesa societo. La Berchemaj flegistoj de la R. K. kunigis siajn anojn por la ferma kunveno de la vintra kurso kaj samtempe por festi S-on Van Laere, la viglan profesoron kiu sukcesege instruas Esperanton al la Geruĝkruculoj de Berchemo. Oni multnombre apudestis kaj granda entuziasmo regis ĝis la fino. Ĉeestis interaliaj : S-o D-ro Moorkens, honorprezidanto ; Philips, sekretario ; D-ro W. Broeckaert, A. Havermans, prezidanto, kaj A. Goossens, sekretario de la B. G. E. — La Berchemaj flegistoj estas la unuaj kiuj enkondukis Esperanton en la R. K. de Belglando. Honoron al ili.

La sekvonta kurso estos tre interesa kaj utila : S-ro Van Laere daŭrigos la gramatikon kaj D-ro Broeckaert la teĥnikan parton de l'instruado.

— Antaŭ ne longe fondiĝis en Berchem'o la esperantista grupo « La Verda Lumo » ĉefe celanta enkonduki Esperanton en la laborantajn klasojn. La societo organizis kurson ; la unua leciono okazis merkredon, la 12an

de Majo. La sidejo de la grupo estas la Kafejo *Verda Lumo*, 108. Granda Ŝoseo, Berchem.

**BOOM**. La 3an de Aprilo la Boom'a Esperantista Grupo tre brile fermis la esperantan kurson, komencitan dum la monato de Novembro.

Je l'fino de l'instruado la afabla kaj lerta profesoro S-ro Frans Schoofs gratulis la gelernantojn pro la faritaj progresoj kaj incitis al ili daŭrigi sian studadon kaj resti fidelaj al nia kara Esperanto.

Per kelkaj elokventaj vortoj. S-ro Jules Clerbaut, prezidanto, laŭdis la sindonon de la estimata profesoro, kaj donacis lin, je l'nomo de la gelernantoj, per artplena memoraĵo, kunigante, je sia persona nomo, belan arĝentan medalon speciale frapitan laŭ la segilo de la grupo.

Tuj poste, kelkaj samideanoj improviziis kaj plenumis sukcesplenan programon : la gekantistoj F-ino Rachel Bleeckx kaj S-ro Kam. Bal, la lerta violonisto S-ro Gust. Struyf kaj Rob. Spillemaekers estis tre aplaŭdataj.

Je l'fino, la fervora kamarado S-ro H. Van der Plancken ekkantis la Zamenhof'an himnon « la Espero », muzikigitan de S-ro Alf. Mathys, el Duffel, kiu en la Boom'a grupo instruis Esperanton dum 1907-'08.

Disiĝante la Boom'aj esperantistoj laŭte aplaŭdis nian karan Majstron, kaj decidis unuvoĉe kunhelpi al la fondo de esperantista grupo en la najbara industria urbeto Willebroek. (1)

**VERVIERS**. Sro **Spinhayer**. Skabeno de la Publika Instruado, akceptis la honoran prezidantecon de la **VERVIERS'A ESPERANTISTA GRUPO**.

**WILLEBROEK**. La 27an de Aprilo okazis en Willebroek tre sukcesinta esperantista propaganda festo, organizita de la Boom'a grupo kaj de la Antverpena grupo « La Verda Stelo » kun la bonvola kunlaborado de la Boom'a simfonio « de Kunstvrienden », sub la lerta direkcio de S-ro Jos. Clymans.

Minimume 400 personoj ĉeestis la artplenan koncerton kaj atente aŭskultis la paroladon pri « Esperanto kaj ĝia nuna stato » de la sindona kaj nelacebla prezidanto de « La Verda Stelo », S-ro Frans Schoofs, kiu anstataŭis S-ron Van der Biest-Andelhof, malhelpitan pro malsano.

S-ro Ern. Mertens, komunuma sekretario, gratulis la parolinton kaj ĉiujn organizintojn de tiu agrabla festo, ne forgesante nian fervoran samideanon, S-ron Gust. Struyf, kiu prizorgis la muzikan parton ; S-ro Mertens komparis tre prave pri ilia internacieco la muzikon kun Esperanto.

S-ro Jules Clerbaut, prezidanto de la Boom'a grupo dankis S-rojn Mertens Bruyninckx kaj Van Dyck, kaj laŭdante la progreseman ĉeestantan urbestron S-on Rob. Peeters, kiu jam promesis la tutan hunhelpon de la loka estraro, li rikoltis senfinajn aplaŭdojn.

Tuj post la festo, Sro Jos. Bruyninckx, komunumа instruisto, sciigis ke li jam ricevis pli ol 80 aligojn al la starigota Willebroek'a grupo « La Espero. » (1)

---

La grupoj estas petataj sendi siajn informojn plej malfrue autaŭ la 5e de ĉiu monato al la subskribinta raportanto, *20, Strato Vondel* ANTVERPENO,

O. Van Schoor.

---

(1) Korespondaĵo de S-ro Babilon.

